3me Année, No 36. Août 1905. | 3a Jaro, 36a Numero. Aŭgusto 1905. | 3e Jaar, Nr 36. Augustus 1905.




Aliĝinta al la Unuigo de la Perioda Belga Gazetaro

Affilié à l'Union de la Presse Périodique Belge. | Aangesloten bij het Verbond der Periodieke Belgische Drukpers.

| PRIX DE L'ABONNEMENT ANNUEL: | KOSTO DE LA JARA ABONO: | JAARLIJKSCHE INSCHRIJVINGSPRIJS: |
|---|---|---|
| 2.50 fr. pour la Belgique; 3.00 fr. pour l'étranger. 5.00 fr. (minimum): abonnement de protecteur. | 2.50 fr. en Belgujo; 3.00 fr. en eksterbelgaj landoj. 5.00 fr. (almenaŭ): protektanta abonanto. | 2.50 fr. voor België; 3.00 fr. voor den vreemde. 5.00 fr. (ten minste): inschrijving als beschermer. |
| Un numéro : 0,25 fr. | Unu numero : 0,25 fr. | Het nummer : 0,25 fr. |

La personoj, kiuj sendos al ni almenaŭ sumon da kvin frankoj, estos enskribitaj kiel protektantaj abonantoj kaj ilia nomo estos presita en ia proksima numero.

Nia ĵurnala jaro komenciĝas la 15an de Septembro. Se oni abonas post tiu-ĉi dato, oni ricevas la jam elirintajn numerojn.

Les personnes qui nous enverront au moins la somme de cinq francs seront inscrites comme abonnés protecteurs et leur nom paraitra dans un prochain numéro.

L'année de notre Journal commence le 15 Septembre. Si l'on s'abonne après cette date, on reçoit les numéros déjà parus.

*De personen die ons ten minste de som van vijf franken toezenden zullen opgeteekend worden als inschrijvers-beschermers en hun naam zal in een aanstaande nummer gedrukt worden.*

*De jaargang van ons Blad begint met 15n September. Indien men zich na dien datum laat inschrijven, ontvangt men de reeds verschenen nummers.*

## ENHAVO.



## SOMMAIRE.



## INHOUD.



A.-J. WITTERYCK-DELPLACE,

IMPRIMEUR-ÉDITEUR | DRUKKER-UITGEVER

BRUGES, NOUVELLE PROMENADE, 4. | BRUGGE, NIEUWE WANDELING, 4.

## PRINCIPAUX JOURNAUX ESPÉRANTISTES RÉGULIERS.

### Bijzonderste regelmatige esperantische dagbladen.

**Lingvo Internacia**, gazette bi-mensuelle (*tweemaandelijksch blad*), abonnement sans supplément, 5.00 fr. par an (*inschrijving zonder bijvoegsel, 5.00 fr. 's jaars*); abonnement avec supplément littéraire, 7.50 fr. par an (*inschrijving met letterkundig bijvoegsel, 7.50 fr. 's jaars*). Presa Esperantista Societo 33, rue Lacépède, Paris Vème.

**L'Espérantiste**, revue officielle de la Société française pour la propagation de l'Esperanto, 20 pages (format 15 × 20) de texte Esperanto-Français, 8 pages de couverture, correspondance internationale en Esperanto gratuite pour les abonnés. 3.50 fr. par an (*3.50 fr. 's jaars*) 4.00 francs avec inscription à la Société (*4.00 fr. met aanneming in de Maatschappij.*) Administration de l'Espérantiste à Louviers (Eure) France.

**La Svisa Espero**, fr. 2.50 par an (*2.50 fr. 's jaars*) Mr Th. Renard, 6, rue du Vieux Collège, Genève, Suisse.

**Antaŭen Esperantistoj**! 0,150 Livroj = fr. 3,00 par an (*3,00 fr. 's jaars*) Mr Ant. Alvarado, str. Lartiga. no 106a Lima, Pérou.

**The Esperantist**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*), Mr H. Bolingbroke Mudie, 41, Outer Temple, W. C. London, England & M. Seynaeve, Heule lez Courtrai. Un numero : 40 Cmes.

**La Juna Esperantisto**, 2.00 fr. par an (*2.00 fr. 's jaars*). Mr H. Hodler, 9 avenue des Vollandes, Genève, Suisse.

**Internacia Scienca Revuo**, fr. 7.00 par an (*7.00 fr. 's jaars*), Hachette & Cie, 79, Bd St Germain, Paris.

**La Meksika Lumturo**, fr. 3,00 par an (*3,00 fr. 's jaars*), Dro A. Vargas, Santa Rosa Necoxtla (Ver.). Mexique.

**Esperanta ligilo** (por blinduloj), 3.00 fr. pour 1905 (*3.00 fr. voor 1905*), Mr Th. Cart, 12, rue Soufflot, Paris.

**La Suno Hispana**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*). M. Augusto Jimenez Loira, Godella, Valencia, Espagne.

**Germana Esperantisto** fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*). Möller & Borel, Prinzenstrasse, 95, Berlin, Allemagne.

**The British Esperantist**, fr. 2.00 par an (*2.00 fr. 's jaars*). Mr H. Clegg, 13, Arundelstreet, Strand. London.

**La Alĝera Stelo**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*). Mr Louis Landes, 57, rue d'Isly, Alger.

**Esperanto**, fr. 8.00 par an (*8.00 fr. 's jaars*) bimensuel, en Russe et Esperanto (*tweemaandelijksch, in Russisch en Esperanto*). Dro Ostrovski, à Jalta (Russie).

**Esperanto**, en Franca lingvo kaj Esperanto, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*), 24 numeroj. Emile Gasse, 71 rue Michelet, Le Havre. France.

**Gefrataro Esperanta**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*). Rafaelo Bagnulo. Largo Gesu e Maria 4, Naples. Italie.

**Tra la Mondo**, tutmonda ilustrita Revuo, 8 francs par an (*8.00 fr. 's jaars*), unu numero 0.75 fr. Administranto de « Tra la Mondo », 15 Boulevard des Deux Gares, Meudon (S. et O.) France.

**Espero Pacifista**, monata organo de Societo « Pacifisto », 5 fr. par an (*5 fr. 's jaars*). Gaston Moch, 16, avenue de la Grande Armée, Paris, 17ème.

N. B. — Quelques autres journaux paraissent plus ou moins régulièrement. (*Eenige andere dagbladen verschijnen min of meer regelmatig*).

## BELGA LIGO ESPERANTISTA.

De nun oni povas sin turni al la ĵurnalo pri enskribiĝo en la Ligo. La proksima numero enhavos sciigojn pri regularo, kotizaĵo, k. t. p.

### Ligue Espérantiste Belge.

On peut dès maintenant s'adresser au journal pour s'inscrire à la Ligue.

Le prochain numéro contiendra les renseignements au sujet des statuts, de la cotisation, etc.

### Belgische Esperantische Bond.

*Men mag zich van heden af naar het blad wenden om zich in den Bond te doen opnemen.*

*Het aanstaande nummer zal de inlichtingen bevatten betreffende de standregelen, de bijdrage, enz.*

3me Année, No 36. Août 1905. | 3a Jaro, 36a Numero. Aŭgusto 1905. | 3e Jaar, Nr 36. Augustus 1905.




GAZETO ESPERANTISTA ELIRANTA ĈIUMONATE EN BELGUJO.

JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE MENSUEL. | BELGISCH ESPERANTISCH MAANDSCHRIFT.

| PRIX DE L'ABONNEMENT ANNUEL : | KOSTO DE LA JARA ABONO : | JAARLIJKSCHE INSCHRIJVINGSPRIJS : |
|---|---|---|
| 2.50 fr. pour la Belgique ;<br>3.00 fr. pour l'étranger.<br>5.00 fr. (minimum) : abonnement de protecteur. | 2.50 fr. en Belgujo ;<br>3.00 fr. en eksterbelgaj landoj.<br>5.00 fr. (almenaŭ) : protektanta abonanto. | 2.50 fr. voor België ;<br>3.00 fr. voor den vreemde.<br>5.00 fr. (ten minste) : inschrijving als beschermer. |
| Un numéro : 0.25 fr. | Unu numero : 0.25 fr. | Het nummer : 0.25 fr. |

Ĉefredaktoro — Rédacteur en chef — Hoofdopsteller : Jos. JAMIN, 78, rue de la Longue Haie, Bruxelles.
Cenzuristo — Censeur — Keurder : Lucien BLANJEAN, 83, rue du Collège, Ixelles-Bruxelles.
Abonoj — Abonnements — Inschrijvingen : L. VANDERSLEYEN, 31, rue des Patriotes, Bruxelles.
Presisto — Imprimeur — Drukker : A.-J. WITTERYCK-DELPLACE, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

# La Kongreso.

La unua internacia Kongreso kie, ĉiu partoprenanto facile komprenis ĉiujn aliajn kongresanojn, okazis en Boulogne-sur-Mer (Francujo) de la 5a ĝis la 10a Aŭgusto 1905.

Ĝis nun, en ĉiuj internaciaj kongresoj, oni uzis ian nacian lingvon kaj ĉiafoje, parto de la kunveno malfermis grandajn okulojn sed komprenis nur kiam oni uzas ĝian gepatran lingvon. Tial la plimulto de la kongresanoj ne povis utile alesti al tiuj kongresoj, ili komprenis la diskutojn nur kiam ili estis ricevantaj la tradukon de la raporto.

En la Kongreso de Boulogne-sur-Mer, tio ne okazis; ĉiuj kongresanoj komprenis kaj parolis saman lingvon.

Esperanto faris tiun miraklon kaj la dato de tiu ĉi unua Kongreso enskribiĝos per oraj literoj en la Historio de la Mondo.

Tamen, krom kelkaj eminentaj esceptoj, la scienculoj tion nescias... prave oni diris: ĉiu nescias sian riĉecon !

La unua ĝenerala Kongreso de la Esperantistoj fariĝis vere triumfa. Neniam oni vidis saman entuziasmon. De la alveno en urbo Boulogne-sur-Mer, la sukceso estas videbla kaj la bonan impreson oni pli kaj pli ricevas. La urbo vestiĝis por la festo, grandnombro da magazenoj, kafejoj, privataj domoj kaj ankaŭ la urba Teatro ricevis specialan ornamon per Francaj standardoj kaj tutnovaj Esperantaj standardoj. La standardo de Esperanto konsistas el verda rektangulo kies supra angulo montras malgrandan blankan kvadraton, en la mezo de tiu blankaĵo montriĝas verda kvinpinta stelo.

La verda steleto brilas ankoraŭ sur la brusto de ĉiuj Esperantistoj kiujn oni renkontas en la stratoj de la urbo, virojn kaj virinojn, fraŭlojn kaj fraŭlinojn, oficirojn kaj soldatojn, pastrojn, servistojn, velocipedistojn, aŭtomobilojn kun verdaj flagoj, k. t. p. Oni aŭdas ĉie la Esperantajn sonojn kaj, stranga fenomeno, kiun kelkaj el ni tre bone rimarkis, kiam en la ĉirkaŭaĵo oni parolas ĉu france ĉu angle, oni dubas kaj ŝajnas ke nur Esperanton oni aŭdas.

La ĉefa triumfanto de la momento estas Doktoro Ludoviko Zamenhof, kiu estas en la urbo kun sia edzino kaj kiu baldaŭ prezidos la Kongreson. Ĉiu klopodas por renkonti lin, premi liajn manojn, aŭdi lian voĉon, krii siajn kontenton kaj ĝojon. Kiam Zamenhof promenas en la stratoj de la urbo, li estas ĉirkaŭata de multaj kongresanoj kiuj senĉese aplaŭdas kaj per kriojn festas la simpatian Doktoron ; nubo

da fotografistoj sekvas lin tiel ombro kaj en la kafejoj kaj restoracioj la manifestantoj, lacigitaj, trinkas aŭ ĉampanvinon « Esperanto » aŭ apertivon « Zamenhof » aŭ digestan likvoron « Esperantine ».

La vendistoj de ĵurnaloj krias la specialajn eldonojn de la lokaj kaj Esperantistaj ĵurnaloj. Ĉiuj ekparolas Esperanton.

La unua kunsido de la Kongreso okazas en la urba Teatro je la 8ª horo vespere, la sabaton 5ªn de Aŭgusto.

La salono de la teatro estas plena, multaj Esperantistoj staras en la pasejoj; ĉiuj havas la verdan stelon kaj la teatro estas kvazaŭ vera formikaro. Sed subite oni aŭdas signalsonon kaj en tondra aplaŭdo, la kurteno leviĝas kaj montras Doktoron Zamenhof en la centro de la komitato. La orkestro ludas la Francan himnon «La Marseillaise» kaj la delira manifestaĵo kreskas pli kaj pli kaj nur haltiĝas kiam S^ro Michaux, prezidanto de la grupo de Boulogne kaj organizanto de la festoj, prezentas la komitaton starantan sur la sceno. Apud D^ro Zamenhof staras S^ro Peron, urbestro (france: maire) S^ro F. Farjon, prezidanto de la Komerca Ĉambro, Generalo Sebert, delegito de la Franca Turing Klubo, S^ro Th. Cart, vicprezidanto de la Societo Franca por Propagando, S^ro Carlo Bourlet, prezidanto de la Pariza Grupo, S^ro Boulet, sekretario de la organizanta Komitato.

Ĥoro de virinoj kaj fraŭlinoj kantas la himnon « L'Espero » kun granda sukceso kaj tuj S^ro Michaux parolas kaj deziras bonvenon al ĉiuj, S^ro Peron, urbestro kies paroladon tradukis S^ro Boulet, kaj S^ro Farjon, en Esperanto, faras ambaŭ paroladojn de bonveno. Kaj baldaŭ la atendita momento alvenas: D^ro Zamenhof leviĝas, nova manifestaĵo okazas kaj en religia silento, la Doktoro legas longan paroladon. Li skizas la historion de la lingvo kaj kiam li alvokas la memoron de la mortintaj Esperantistoj, tremeto skuas la alestantojn kiuj unumove sin levas. Zamenhof laŭdas ankoraŭ ĉiujn, kiuj laboradis al la afero, li donas justan lokon al ĉiuj kiuj disvastigis en la mondo la ideon de helpanta artefarita lingvo kaj precipe honoras abaton Schleyer, kiu farigis grandan paŝon al la demandop er Volapuko. En la fino de la parolado, Doktoro Zamenhof deklamas poeziaĵon speciale verkitan por tiu okazo Grandan sukceson li ricevis kaj la pruvo por la facila uzado de Esperanto — kiu ne estis plu necesa — montriĝis al la plej skeptikaj.

Du grandaj koncertoj okazis; la unua post la parolado de Doktoro Zamenhof, sabate; ĝin organizis speciale la samideanoj el Boulogne. Kantoj kaj deklamoj sukcesis, ankoraŭ la komedio: Mensogo pro amo, traduko de la Franca Komedio de Labiche: « Le Misanthrope et l'Auvergnat ». Ĉiuj aktoroj rikoltis aplaŭdojn, precipe S^ro Boulet kiu estis ricevonta novan sukceson la morgaŭan tagon.

Dua granda koncerto okazis la dimanĉon vespere en la urba teatro. Al tiu koncerto partoprenis Esperantistoj de ĉiuj landoj kaj tiel oni povis konvinkiĝi pri la vera mirinda facileco de la lingvo por ĉiuj, kia ajn estas la patrolanda lingvo de la deklamanto. Ni ne povas citi ĉiujn partoprenantojn, ĉar nia ĵurnalo ne sufiĉus por la raporto, sed ni citos kelkajn nomojn inter la kantistoj, S^rino Guivy (Franca) kaj D^ro Hanauer (Germana) inter la monologistoj S^roj Lambert (Angla) kaj Doré (Franca), S^rino R. Junck (Italina) kiu prezentis specialan verkon de S^ro Cl. Bicknell titolita: ĝis la revido, S^ro Hulme (Skotlandano) kiu freneze kantis la amuzantan verkon: « Plu kreskis la barbo »; maljuna virino, ĉirkaŭ okdekjara kies nomon ni ne aŭdis, deklamis tre lerte longan poemon kaj pruvis ke Esperanton oni povas lerni en ĉia periodo de la vivo: longan aplaŭdon ŝi ricevis.

Sed la ĉefa sukceso de tiu neforgesebla festo estis la ludo de la komedio de Molière « Edziĝo kontraŭvola » (Le Mariage forcé) traduko de Victor Dufeutrel. La roloj de la komedio estis disdonitaj al samideanoj de naŭ nacioj kiuj, sen escepto, donis al ni iluzion de komedio ludita de aktoroj parolante ĉiutage komunan lingvon La sukceso estas mirinda, eĉ por la plej konvinkitaj Esperantistoj; persone mi ne estis antaŭvidanta tiun rezultaton.

Tie estas la detalo de la roloj:

## EDZIGO KONTRAŬVOLA.

### UNUAKTA KOMEDIO DE MOLIÈRE

tradukis VICTOR DUFEUTREL.

*Dorimeno*, filino de Alkantaro S^rino ROSA JUNCK (Italino).
*Unua ciganino* . . . . . F^ino HILDA CEDERBLAD (Svedino).
*Dua ciganino* . . . . . . S^rino AVILOV (Rusino).
*Sganarelo*, amanto de Dorimeno. S^ro PAUL BOULET (Franco).
*Pankraso*, filozofo . . . . S^ro BOLINGBROKE MUDIE (Anglo).
*Mariufuso*, filozofo. . . . S^ro SAINT MARTIN (Kanadano).
*Geronimo*, amiko de Sganarelo S^ro J. ANSEL (Franco).
*Alkantoro*, patro de Dorimeno. S^ro COGEN (Belgo).
*Alcidaso*, frato de Dorimeno. S^ro KUCHLER (Germano).
*Likasto*, amanto de Dorimeno. S^ro Allum (Norvego).

—

Al ĉiuj ni sendas dankon de la Esperantistoj ĉar ili entreprenis tre gravan pruvon de la uzebleco de la lingvo kaj ili sukcesis plene.

La ĝeneralaj kunvenoj de la Kongreso okazis de la lundo ĝis la merkredo kaj prezentis tre grandan intereson par ĉiuj Esperantistoj. D^ro Zamenhof prezidis honore kaj S^ro Boirac, rektoro de la Akademio de Dijon prezidis efektive ĉirkaŭataj de riprezentatoj de ĉiuj lingvoj, de ĉiuj nacioj. Ni citu: generalo Sebert, S^ro Michaux, S^rino Bergier (Francoj) Leŭtenanta-Kolonelo Pollen (Anglo) S^ro Ricardo Codorniu (Hispano). S^ro Sabadell (Katalano), S^ro Hanauer (Germano), Fraŭlino Hilda Cederblad (Svedino), S^ro Ostrowsky (Ruso) S^ro Grabowsky (Polo) S^rino Rosa Junck (Italino) S^ro Kuhnl (Bohemo), S^ro Saint Martin (Kanadano), pastro Schneeberger (Sviso), S^r Krikortz (Svedo), S^ro Christen (Anglo), S^ro Otto Simon (Aŭstro Germana), S^ro Ahlberg (Svedo), D^ro Mybs (Germano), S^ro Schroeder (Hungaro), kaj ankoraŭ kelkaj aliaj kiujn ni certe forgesas sed kies nomojn ni citos laŭ la oficiala raporto. Belgujo estis riprezentita en tiu komitato de Doktoro M. Seynaeve por la flandra lingvo kaj S^ro Jos. Jamin por la franca lingvo kaj ankaŭ valona dialekto.

La kunsidoj de la kongreso estis tre, tre longaj kaj kompreneble ni ne povas doni tie ĉi detalan raporton. Oficilia raporto estos certe eldonita en aparta broŝuro aŭ en ĵurnalo « Lingvo Internacia ». S^ro Schneeberger stenografiis ĉiujn paroladojn kaj diskutojn. La ĉefaj proponoj estis presitaj en du

broŝuroj kaj kelkajn aliajn proponojn oni ankoraŭ prezentis dum la kunsidoj.

Unue, oni saĝe decidis ke la kongreso ne havas rajton de voĉdono kaj nenian definitivan konkludon ĝi ne povos akcepti. Tamen, Doktoro Zamenhof legis la Deklaracion kiu estas la fundamenta promeso de ĉiu Esperantisto; oni decidis ke, post kelkaj ŝanĝoj negravaj, kiujn difinos la komitato, tiu deklaracio fariĝos deva promeso de ĉiuj alestantoj. Ĝenerale la demando pri Centra Ligo ne estas akceptita sed oni decidis ke estas tute necese organizi de nun Lingvan komitaton por esploro de la demando. D$^{ro}$ Zamenhof elektis ĉirkaŭ sesdek nomojn de lertaj Esperantistoj, tute provizore, kiuj elektos inter si, kelkajn lingvistojn kiuj ekzamenos detale la proponojn. La aliaj paroladoj celis la uzon de la lingvo en oficialaj telegramoj, la disvastigon de la lingvo inter la junuloj, la elparoladon de la lingvo kaj ankaŭ pri la akcento.

Pri la elparolado, oni decidis ke la novaj lernolibroj en Franca lingvo klarigos la demandon pri la vokaloj, kiuj estas ĉiam mallongaj, eĉ la vokaloj e kaj o. Nur en la antaŭlasta silabo, oni akcentigas la vokalon.

La Francoj, kaj ankaŭ multaj Belgoj, ne akcentigas sufiĉe la antaŭlastan silabon kaj eĉ akcentigas malprave la lastan. La lingvo tiel sonas malbone kaj la fremduloj ricevas malagrablan impreson. Ĉiuj fremduloj, precipe la Poloj kaj Rusoj donas al la lingvo specialan ĉarmon per ĝusta akcento. D$^{ro}$ Zamenhof donis al la kongreso belan lecionon de elparolado kaj baldaŭ la malgranda diferenco kiu ekzistas iafoje en sono — nur en sono — (eble en tono tial ke la lingvo estas iomete kantema), tiu negrava diferenco malaperos.

Multajn aliajn festojn oni organizis. La dimanĉon vespere okazis en kazino de Boulogne granda balo kun naciaj kaj regionaj vestoj. La sukceso estis tre granda kaj la vigleco de la junularo daŭriĝis ĝis meznokto. Inter la naciaj kostumoj ni citos kelkajn el ili, sed certe ni ankaŭ forgesas multajn. Leŭtenanta-Kolonelo Pollen, multaj oficiroj kaj soldatoj Francaj, unu vickonsulo, solicitoro John Ellis el Keighley en oficialaj kostumoj. Fraŭlino Hilda Cederblad, en nacia sveda kostumo kaj S$^{ro}$ Privat en svisa kostumo, Fraŭlino Codorniu en hispana vilaĝanino kaj Jos. Rhodes en plena kostumo de angla lan-apartigisto, du Skotlandanoj, kelkaj britaj, alĝeriaj kaj bohemaj kostumoj; S$^{ro}$ kaj S$^{rino}$ Avilov, el Tiflis kiuj dancis rusan paŝon k. t. p.

Oni vizitis la ĉirkaŭaĵojn de Boulogne precipe Aubengues dum la ĉevalaj kuradoj, Wimereux kaj Le Portel. Lundon, posttagmeze okazis granda festeno al kiu povis partopreni nur triono de la kongresanoj; multaj toastoj entuziasmigis la ĉeestantojn. Ni esperu ke en proksimaj kongresoj oni organizos festojn kaj festenojn al kiuj povos partopreni ĉiuj Esperantistoj.

La ĝenerala organizado de la Kongreso estis tre bone preparita, kaj la Esperantista mondo devas gratuli kaj danki la grupon de Boulogne-sur-mer, ĝian prezidanton kaj la tutan komitaton por ĉiuj iliaj klopodoj.

Agentejo organizis viziton en Folkstone, Dover kaj Calais. Eĉ ĝi intencis viziti Belgujon, sed pro malĝentileco de agento, ni ne scias ĉu la afero sukcesis. Ni opinias ke bonekonata krio estas oportuna : nenion per la agentejoj !

Multaj aliaj kunvenoj okazis flanke de la kongreso. Mardon kaj merkredon okazis ankoraŭ en la Teatro koncertoj laŭvole, en kiuj multaj samideanoj donis novajn pruvojn de siaj talento kaj sindonemo.

La komitato de la Societo franca por la Propagando kunvenis sabate posttagmeze, la katolikaj Esperantistoj kunvenis en kolegio Stanislas, ili kantis ankaŭ horojn *Patro nia* kaj *Ave stelo mara* dum la sankta meso dimanĉe en preĝejo S$^{t}$ Nicolas; la framasonoj havis apartan kunvenon kaj ankaŭ la stenografiistoj. Fine la Esperanta gazetaro (kiun oni iomete forgesis dum la Kongreso) kunvenis marde, je la 5$^{a}$ posttagmeze. Al tiu kunsido alestis : Paul Fruictier (Lingvo Internacia) Ostrowsky (Esperanto) Sam. Meyer (L'Espérantiste) Millidge (British Esperantist) Privat (Juna Esperantisto) Aug. Montrosier (Tra la Mondo) Beauchemin kaj S$^{t}$ Martin (La Lumo) kaj Jos. Jamin (La Belga Sonorilo). Kelkaj aliaj ĵurnalistoj partoprenis al la Kongreso: S$^{roj}$ Th. Cart (Esperanta ligilo) Codorniu (La Suno Hispana) Bolingbroke Mudie (The Esperantist) Borel (Germana Esperantisto) G. Moch (Espero Pacifista) kaj Paul Nylén (malnova L. J.)

La nombro de la Kongresanoj estis tre granda ; ni ne povas citi la certan kvanton sed ni opinias ke la nombro atingis ĉirkaŭ milon.

Kvankam Belgujo ne estas tro malproksima de Boulogne, nur kelkaj Belgaj Esperantistoj alestis je la Kongreso. Ni citos S$^{ron}$ Lucien Blanjean (Bruxelles), Advokaton Cogen (Gand), Notarion Horion (Villers aux Tours, provinco de Lieĝo), Jos. Jamin kaj Fraŭlinon Lecointe (Bruxelles), S$^{rojn}$ Doktoron Seynaeve (Courtrai), A. Van der Biest, Ed. kaj Raym. Van Melckebeke (Anvers), Advokaton Van Dieren (Louvain). kaj A.-J. Witteryck (Bruges).

Pro malsano, S$^{ro}$ de Beaufront, la simpatia prezidanto de la Franca Societo ne povis ĉeesti la Kongreson. En unuanima konsento, la Belgaj kongresanoj sendis al li la sekvantan telegramon :

« Louis de Beaufront, La Folie, Pierrepont,

« La Belgaj Kongresanoj sendas al la energia
« Sinjoro de Beaufront entuziasman saluton kaj
« deziras al li rapidan resaniĝon. »

La sekvanta respondo alvenis post kelkaj horoj :

« Belgaj Esperantistoj, Boulogne-s-mer.

« Profunde tuŝita dankas la Belgajn amikojn ĵetante
« al ili krion kiun ili speciale povas kompreni: libereco
« absoluta, libereco ekster la lingva kampo.

De Beaufront.

En ripozosalono de la teatro, la tiea grupo aranĝis tre gravan ekspozicion, kie oni vidas ĉion, kion Esperanto ĝis nun produktis. Nur la unuaj libroj kaj ĵurnaloj, kiujn oni ne plu povas aĉeti, ne estas montritaj.

Ĉiuj Esperantistoj konkuris por prezenti la plej plenan montron de la ricevitaj rezultatoj. Francaj, Germanaj kaj Anglaj amikoj sendis multajn centojn da dokumentoj de ĉiuj specoj kaj la vizitanto estas kvazaŭ frenezigita pro la kvanto de ilustritaj poŝt-

kartoj elvenintaj el ĉiuj landoj, Esperantaj broŝuroj, libroj, revuoj kaj gazetoj, modeloj kaj cirkuleroj pri diversaj produktaĵoj kaj komercaĵoj, propagandaj iloj, ŝlosiloj de la lingvo, reklamoj de la Esperantaj firmoj, k. t. p. Tiu ekspozicio estas la plej plena kiun ĝis nun oni organizis, ĝi enhavas ankaŭ ĉiujn dokumentojn de la antaŭaj ekspozicioj en S[t] Louis kaj Alger.

Granda amaso da Samideanoj senĉese promenadis en la salono kaj babiladis pri la novaĵoj kiujn ili trovis inter la multnombraj montritaj pruvaĵoj. Oni povus organizi pli vastan ekspozicion sed oni ne povus montri ion pli interesan.

Tre rapide mi skribis tiun ĉi kronikon, eble multajn ĉefajn punktojn mi forgesis; mi esperas ke miaj legantoj kaj kunkongresanoj pardonos tion al mi, en proksimaj numeroj ni presos ankaŭ aliajn artikolojn pri la Kongreso.

Mia artikolo donas nur tre palan ideon de la entuziasmo kiu superregis dum la Kongreso; eble ia leganto ekridos kaj opinios ke mi iomete trograndigas la rezultaton. Li tute erarus ĉar mi devas konfesi ke mi veturis en Boulogne kun certa timo kaj ke mi estis iomete skeptika pri la rezultato. Sed mi konfesos ankaŭ ke por ĉiuj Esperantistoj, eĉ la plej entuziasmaj, la sukceso superas multe la antaŭsignojn: la Unua Kongreso estas vera, granda kaj grava sukceso.

Jos. JAMIN.

## Doktoro Ludoviko Zamenhof.

La portretoj de Doktoro Zamenhof kiujn ni vidis antaŭ la tagoj de la Kongreso ne donas bonan ideon de la eksteraĵo de la simpatia elpensinto de l'Esperanto. Grandnombro da fotografaĵoj reproduktos liajn trajtojn kaj en proksima numero ni eble empresos kelkajn kliŝaĵojn kiuj permesos al niaj gelegantoj plibone koni nian majstron. Sed, se la fotografarto povas fidele doni fizionomion de la Doktoro, ĝi ne povas diri fidele la afablecon de lia akcepto kaj la dolĉon de lia interparolado. Al ĉiuj li rezervas kelkajn bonajn parolojn kaj ĉiu, eĉ la plej mallertaj, kuraĝiĝas tuje kaj baldaŭ estas kun li kvazaŭ malnova amiko. Tre modesta kaj ankoraŭ tre energia kiam li traktas la esencon de la lingvo, li kunigas ĉiujn kvalitojn kiuj devas distingi tiel superan homon.

Kiel la aliaj Esperantistoj li havas la modestan verdan steleton en butontruo de la ĵako; baldaŭ li ricevos de la Franca Registaro la stelon de la ordeno de la Honora Legiono, tio estos rekompenco tute meritita kiu honorigos la homon kaj la Ideon.

Sed la kontenteco kaj la ĝojo kiuj, dum la Kongresaj tagoj iluminis lian simpatian vizaĝon permesas al ni kredi ke la plena sukceso de la Kongreso ravis lian koron.

Feliĉa homo li certe estas kaj, kiam, dum la lasta kunsido de la Kongreso li petis permeson ke li premu la manon de ĉiuj kongresanoj, la freneza aplaŭdo, kiu tondre skuis la amason, respondis por ĉiuj kaj estis la plej bela rekompenco kiun li povas ricevi.

Kun la Kongresanoj ĉiuj gelegantoj niaj ankaŭ diros:

Vivu Esperanto! Vivu Zamenhof!

Tiu, kiu alestis al la Kongreso neniam forgesos tiujn memorindajn tagojn, tiun entuziasman kaj fratan feston de l'Esperantistaro.

Jos. JAMIN.

## Tra la Mondo Esperantista.

Pro la Kongreso, multaj Esperantistoj vizitis la okcidentan Eŭropon precipe Francujon kaj Belgujon. Ni ne povas raporti pri ĉiuj vizitoj faritaj; tamen ni citos la viziton kiun faris Doktoro Zamenhof ĉe la Parizaj Esperantistoj. Grava fakto por nia afero estas la oficiala ricevo de D[ro] Zamenhof ĉe la Ministro de la Publika Instruado S[ro] Bienvenu-Martin kaj ĉe la Estraro de la Urba Konsilantaro de Parizo. Tute familiaj festoj ankoraŭ okazis, unue disdonado de l' premioj de l' konkurso organizita de l' Pariza grupo en Urba Domo de la 4[a] Pariza Distrikto; due Verspermanĝo kun koncerto kaj komedio organizitaj je l' honoro de Zamenhof al kiu partoprenis multaj fremduloj trapasantaj Parizon.

***

Je l' okazo de la Kongreso aperis du novaj ĵurnaloj. « Tra la Mondo » estas bele ilustrita revuo, kies

### A travers le monde Espérantiste.

Par suite du Congrès, plusieurs Espérantistes ont visité l'Europe Occidentale, particulièrement la France et la Belgique. Nous ne pouvons parler de toutes ces visites; cependant nous citerons la visite faite par le D[eur] Zamenhof chez les Espérantistes de Paris. Un fait important pour notre cause est la réception officielle du D[eur] Zamenhof, chez le Ministre de l'Instruction Publique M. Bienvenu Martin et celle faite par le Bureau du Conseil municipal de Paris. Des fêtes tout intimes ont encore eu lieu, une distribution des prix du concours organisé par le groupe de Paris à la mairie du 4[me] arrondissement et d'autre part un souper avec concert et comédie organisé en l'honneur de Zamenhof auquel participèrent de nombreux étrangers de passage à Paris.

***

A l'occasion du Congrès deux nouveaux journaux ont paru. « Tra la Mondo » est une revue fort bien illustrée, dont la publi-

### Dwars door de Esperantische wereld.

*Ten gevolge van het Kongres hebben verscheidene Esperantisten Westelijk Europa, voornamelijk Frankrijk en België bezocht. Wij kunnen over al deze bezoeken niet uitweiden; nogtans melden wij het bezoek van Dokter Zamenhof aan de Esperantisten van Parijs. Eene belangrijke gebeurtenis voor onze zaak is de officieele ontvangst van Dokter Zamenhof bij den minister van Openbaar Onderwijs M. Bienvenu Martin en deze gedaan door het bureel van den Gemeenteraad van Parijs. Gansch vriendschappelijke feesten hebben nog plaats gehad; eene prijsuitdeeling voor den wedstrijd ingericht door de groep van Parijs in de Meierij der 4e omschrijving, en van een anderen kant een avondmaal met muziekfeest en tooneelspel, ter eere van Zamenhof ingericht, waaraan talrijke vreemdelingen, te Parijs verblijvend, deelnamen.*

***

*Ter gelegenheid van het Kongres zijn twee nieuwe bladen verschenen.* « Tra la Mondo » *is een zeer schoon geïllustreerd over-*

apero en tiu ĉi solena momento montras ke nia afero iros pli kaj pli antaŭen se ĉiuj samideanoj subtenos la agadon de la plej kuraĝaj. Tiun revuon direktas S^ro^ Aŭgusto Montrosier, ĝia unua numero enhavas multajn belajn fotografiaĵojn, ĝi ricevis grandan sukceson en la Kongreso. Kosto de la unua numero 0,60 fr. Kosto de la abono, 8 fr. jare. La 3 unuaj numeroj 2.25 fr. La proksima numero enhavos fotografaĵojn pri la Kongreso kaj impresojn de D^ro^ Zamenhof kun lia portreto. Adreso de la Administranto : 15, Boulevard des Deux Gares, Meudon (S. et O.) France.

Kapitano Capé (Auguste Montrosier) loĝanta nun en Francujo, Orléans, 74, f^g^ Bannier, sciigas ke li ne plu interrilatas kun la Alĝeria grupo kies Sekretario estas S^ro^ Roux, en Alger.

La alia ĵurnalo estas titolita « Espero Pacifista » ĝin eldonas la Internacia Societo Esp. por la Paco nomita « Pacifisto » kies provizora prezidanto (kaj certe definitiva) estas la sindonema Gaston Moch. La unua numero estas bela broŝuro da 70 paĝoj kaj ĉia Esperantisto intencos posedi ĝin. Kosto de la unua numero : 50 centimoj. Kosto de la jara abono sen aliĝo al la Societo « Pacifisto » 4 fr., kun aliĝo almenaŭ 5 fr. Administracio 16, avenue de la Grande Armée, Paris, 17^e^.

La unuajn foliojn de la Franca Vortarego ni ĵus ricevas; de nun tiu vortarego, eldonota sub la kontrolo de la ĵurnaloj « Lingvo Internacia » kaj « L'Espérantiste » kostas 17 fr., kontanta pago aŭ 18 fr. po 3 kvaronjaraj pagoj.

Alian Francan vortaron anoncas Firmo Hachette kaj K^io^ sed ĝi ne aldonas la nomojn de la aŭtoroj. Humile ni konfesas ke ni ne vidas tujan neceson de du Francaj vortaroj; la dua fariĝos vole aŭ nevole kopio de la unua sen utilo por nia afero.

***

Multajn novajn librojn ni ricevis dum la pasinta monato. Niaj gelegantoj trovos la nomaron de ili en nia rubriko pri Esperantaj verkoj. Ni alvokas atenton de ĉiuj sur la libro: *Fundamento de Esperanto* de Doktoro Zamenhof, kiu kolektigas la neŝanĝeblajn dokumentojn kiuj estas kvazaŭ « Evangelio » de nia lingvo.

***

La ĝenerala propagando ĉe la sciencaj societoj estas entreprenita de multaj samideanoj. S^ro^ Ch. O'Connor 17, S^t^ Stephen's Sqr. Bayswater, London, faros baldaŭ tri paroladojn ĉe « International Society » kaj « Society of Commerce and Arts » en Manchester. Li petas ke oni sendu al li komercajn leterojn kaj dokumentojn. La grupo el Vieno sendis al ni tre longan raporton pri la nefacila batalado en Aŭstrolando, ni kore dankas ĝin sed ni ne havas sufiĉe da loko por enpresi la leteron.

---

cation dans ce moment solennel montre que notre cause ira plus et plus de l'avant si tous nous soutenons l'action des plus courageux. Cette revue est dirigée par M. Auguste Montrosier ; son premier numéro contient de belles photographies, il a obtenu un grand succès au Congrès. Prix du premier numéro 60 centimes, abonnement 8 fr. Les 3 premiers numéros 2.25 fr. Voyez les adresses ci-dessus.

L'autre journal est intitulé « Espero Pacifista » (l'espoir pacifique), il est édité par la Société Internationale Espérantiste pour la Paix nommée Pacifisto, dont le président provisoire (et certainement définitif) est le dévoué Gaston Moch. Le premier numéro est une belle brochure de 70 pages et chaque Espérantiste voudra le posséder. Prix du numéro 50 centimes. Abonnement sans adhésion à la Société 4 fr. avec adhésion au moins 5 fr.

Les premières feuilles du Grand dictionnaire Français ont été distribuées aux souscripteurs ; dès maintenant le prix de ce dictionnaire édité sous la direction des journaux « Lingvo Internacia » et « L'Espérantiste » est porté à 17 francs paiement comptant ou 18 francs par paiements trimestriels. — La maison Hachette et C^ie^ annonce un autre dictionnaire français sans ajouter les noms des auteurs. Nous confessons humblement que nous ne voyons pas la nécessité immédiate de deux dictionnaires français; le second deviendra, qu'il le veuille ou non, une copie du premier sans utilité pour notre cause.

***

Nous avons reçu de nombreux livres nouveaux pendant le mois dernier. Nos lecteurs en trouverons la liste à notre rubrique spéciale. Nous attirons l'attention de tous sur l'ouvrage: *Fundamento de Esperanto* du D^r^ Zamenhof, qui contient des documents d'un caractère définitif qui sont comme l'Evangile de notre langue.

***

La propagande générale parmi les sociétés scientifiques est entreprises par plusieurs d'entre nous. M. Ch. O'Connor (adresse-ci-dessus) fera bientôt trois conférences à Manchester, il demande qu'on lui envoie des lettres et documents commerciaux.

Le groupe de Vienne nous a envoyé un long rapport au sujet de la lutte difficile en Autriche ; nous le remercions mais nous n'avons pas suffisamment de place pour insérer la lettre.

*zicht, welks uitgave op dit plechtig oogenblik toont dat onze zaak meer en meer zal vooruitgaan indien wij allen de werking der moedigsten ondersteunen. Dit tijdschrift wordt bestuurd door M. August Montrosier ; het eerste nummer bevat schoone lichtbeelden, het heeft een grooten bijval op het Kongres bekomen. Prijs van het eerste nummer 60 centiemen, inschrijvingsprijs : 8 fr. Zie de adressen hierboven.*

*Het ander blad is getiteld :* « Espero Pacifista » (*Vrede-hoop*) ; *het wordt uitgegeven door de Wederlandsche Esperantische maatschappij voor den vrede, genaamd Pacifisto, waarvan de voorloopige (en zekerlijk bepaalde) voorzitter is de verkleefde Gaston Moch. Het eerste nummer is eene schoone brochuur van 70 bladzijden en iedere Esperantist zal ze willen bezitten. Prijs van het nummer : 50 centiemen. Inschrijving zonder lid te zijn der Maatschappij : 4 fr. ; als lid, ten minste 5 fr.*

*De eerste bladen van het groot Fransch woordenboek zijn aan de inschrijvers uitgedeeld geweest ; van nu af is de prijs van dit woordenboek, uitgegeven onder het bestuur der bladen* « Lingvo Internacia » *en* « L'Espérantiste », *gebracht op 17 fr comptante betaling, of 18 fr. met driemaandelijksche betalingen. — Het huis Hachette en C^ie^ kondigt een ander Fransch woordenboek aan zonder bijvoeging der namen van de opstellers. Wij belijden ootmoedig dat wij de onmiddellijke noodzakelijkheid van twee Fransche woordenboeken niet inzien ; het tweede zal, willens of niet, eene kopij van het eerste zijn, zonder nut voor onze zaak.*

***

*In den loop der verledene maand hebben wij verscheidene nieuwe werken ontvangen. Onze lezers zullen er de lijst van vinden in onze bijzondere afdeeling. Wij roepen de aandacht van allen op het werk :* Fundamento de Esperanto *van Dokter Zamenhof, dat onveranderlijke grondregels behelst die als het Evangelie onzer taal uitmaken.*

***

*De algemeene propaganda onder de wetenschappelijke maatschappijen is door verscheidene onder ons ondernomen. M. Ch. O' Connor (adres hierboven) zal welhaast drie voordrachten geven te Manchester ; hij vraagt dat men hem brieven en handelsstukken zende.*

*De groep van Weenen heeft ons een lang verslag gezonden nopens den moeilijken strijd in Oostenrijk ; wij bedanken hem, doch hebgeene plaats genoeg om den brief in te lasschen.*

